# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 19/01/2017 Tricentkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**






Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **691,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# Gramatika Ekzerco 4.



(daŭrigo de n.ro 3)

Malposte ni vidis, ke nia lingvo konsistas el frazoj, kiuj ĉiuj kreas bildon, kaj ke la vicordo en la frazo pli-malpli dependas de la graveco de la partoj. Ni konstatis, ke la Subjekto, kutime Substantivo, estas la plej grava parto en la bildo, kaj ke la Predikato bildigas la agon kiun la Subjekto faras.

Ĉifoje ni iom pli detale konsideros la Subjekton kaj la Predikaton.

1). Ne estas diferenco inter la enhavo de la parolata lingvo kaj la skribita lingvo. Paroli ni lernas aŭtomate kiel tre juna infano aŭdante kaj kopiante la parolon ĉirkaŭ ni. Skribi ni lernas instruate.

2). En multaj lingvoj, sed speciale en Esperanto, ni de tempo al tempo devias el de la vicordo de graveco kaj povas meti la partojn ie ajn. Ekz. anstataŭ diri "La viro batas la hundon" ni povas en Esperanto meti iun ajn parton en iun ajn pozicion, ekz. "Batas la hundon la viro". Tion ni povas fari, ĉar tre ofte ĉiu parto havas sian propran konilon, prepozicio aŭ finaĵo. En etnaj lingvoj, kaj tre en Latino, oni tion faras, sed ne ofte. Kelkfoje, pro naturaj kaŭzoj, oni devas neuzi la normalan prigravecan vicordon, ekz. en "La viro el Francujo, kiun (= Objekto) mi (= Subjekto) renkontis hieraŭ, estas .........". Tio samas en etnaj lingvoj.

3). La Subjekto plej ofte estas Substantivo, ekz. Knaboj ludas en la ĝardeno, sed kelkfoje ĝi povas esti Infinitivo, kiel en "Vojaĝi ne estas facila tie", aŭ Adverbo, kiel en "Multe dependas de la vetero". Tiaj Infinitivo aŭ Adverbo tamen havas substantivan karakteron.

4). La Predikato povas konsisti el pluraj vortoj, sed unu el ili devas esti verbo kaj havi la verban finaĵon –as, -is, -os, -us, aŭ –u.

(daŭrigota) Marcel Leereveld.

## Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero



**Ne senditan informon ne povus aperi en la novaĵletero.**



Ne raportitaj eventoj rapide velkos el historio kaj memoro

Sendu la informon al AE, la novaĵletero, rspring@tpg.com.au

# La mondfama „JoMo“ muzikis en Brisbano




Mia bo-nevo, hazarde aŭdis la muzikon de JoMo surstrate, kaj fone filmis kelkajn sekundojn de la prezentado, kies celo estis reklami Esperanton. https://youtu.be/YLqfFjdMkZg

Mia bonevo, nomita Young-fun aŭ angligite Max Young, loĝas kaj laboras en Brisbano.

Ĉi tiu informo estas la sola sendita al la novaĵletero pri la afero. *Roger Springer*

# La rerenkontiĝo de patro kaj filo





En iuj landoj de la mondo la suno ofte brilas. Tiuj landoj estas do konsiderataj idiliaj. Mi ankoraŭ ne malkovras al vi la nomon de unu el tiuj landoj, ĉar mi supozas, ke vi mem divenos ĝin laŭlonge de mia rakontado. Mi mem ne naskiĝis tie, sed tio okazis al tiom da aliaj multaj homoj.



Sed antaŭ ol mi komencos ĉi tiun preskaŭ kredindan historion necesas klarigi al vi kelkajn faktojn. Tio estas por ke estu multe pli facile por vi kompreni min. Iuj bazaj faktoj pri mia parolmaniero estas ke mi naskiĝis en lando, kies lingvo ne estas tia, kian oni normale nomas logika. Sed jen, ĉu via lingvo estas tia?



En mia lando, nu, nun mi ne plu konsideras iun ajn landon mia, sed tamen, mi ja naskiĝis tie kaj lernis ĝian lingvon, ĉu ne? Se iu en mia lando deziras iri al ekzemple Norvegujo, oni diras, ke li iros supren, oni ne diras, ke li iras norden. Do, bonvolu

kompreni, ke se mi hazarde diros pri iu, ke li iras supren, mi ne aludas al lia suprenirado al la



ĉielo. Aŭ ĉu? Jes, eble, ĉu ne? Ĉio dependas de tio, kio inspiros min dum la rakontado de tiu ĉi ege interesa rakonto!

Kaj, se mi parolos pri iu, kiu iros suden, mi plej verŝajne diros, ke li iros



malsupren. Tio neniel signifas, ke li iras inferen, kvankam eble li faros tion, sed pri tiaj aferoj ni ja ne parolos, aŭ ĉu?

Do, nun vi scias kion signifas supren kaj malsupren. Se mi diros “transen” tio kompreneble signifos, “iri al Svedujo aŭ Anglujo”, sed eble mi ne diros tion. Ni devas atendi kaj vidi kio okazos, ĉu ne? Nun fine la vera historio povas komenciĝi !

Ni ĉiuj scias kiel interagas ni homoj. Ni geedziĝas kaj naskas infanojn, almenaŭ la virinoj



faras tion. La viroj nur edziĝas. Kaj kompreneble ni amas tiujn niajn infanojn, ĉu ne? Kaj de tempo al tempo okazas io neevitebla, kelkaj el la infanoj forlasas siajn korpojn kaj lasas la gepatrojn tute senesperaj.

Io tia okazis ankaŭ en unu el tiuj landoj idiliaj, kie la suno ofte brilas. Patro perdis sian amatan filon kaj ploris longe, sed silente. Li tute ne deziris ĝeni siajn genajbarojn per



tro da bruo, precipe ne dum la noktoj, kiam la genajbaroj dormas! Tio daŭris multajn jarojn, dum kiuj la malĝoja patro serĉis sian amatan filon supre, malsupre kaj transe. Sed tiu lia amata filo bedaŭrinde restis netrovebla. Nun li vere serĉis lin supre. Iun belan, eĉ



belegan tagon venis la patro, kiu nun estis grizbarba maljunulo, al la Pordegoj de la Ĉielo.

“Jes”, diris blankbarba anĝelo kun longa listo kun la nomoj de la enloĝantoj de la Ĉielo. Tiu blankbarbulo fakte estis Sankta Petro. “Kaj kion ni povas fari por vi hodiaŭ?”

“Mi serĉas mian filon,” diris la grizbarbulo. “Mi estas ĉarpentisto. Antaŭ tre longa



tempo mi kaj mia filo laboris kune en mia laborejo. Oni diris al mi, ke li troviĝas ĉi tie. Laŭdire, li havas eĉ tre altan pozicion ĉi tie.”

“Nu”, respondis la blankbarbulo, atente rigardante sian longan liston. “Ni havas kelkajn ĉarpentistajn filojn ĉi tie. Unu, aŭ eĉ du el ili plenumas altajn poziciojn. Ĉu via filo havas iujn distingajn markojn, per kiuj ni povos rekoni lin?”

La grizbarbulo pripensis iomete. “Nur kelkajn truojn en siaj manoj kaj piedoj”, li fine flustris.

Nun la blankbarbulo ridetis. “Nun mi scias, kiu estas via filo. Venu kun mi, ni trovos lin en la administrejo. Sed mi avertas vin, li estas treege okupata, kaj plej verŝajne li ne plu memoras vin. ”Malgraŭ ĉio,” li aldonis atente rigardante sian longan liston, “vi ja ne estas lia vera patro, ĉu?”



La grizbarbulo skuis sian grizan kapon, kaj ili daŭrigis sian iradon. Sed proksimiĝante al la centro de la loko, ili subite aŭdis ĝojegan krion de iu sidanta sur unu el la altaj seĝoj, kaj persono rapidegis al ili kriante, “Paĉjo!” kaj la grizbarbulo emocie ĉirkaŭbrakis lin kaj laŭte plorante elkriis: “Pinokjo!!!”

*Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da senpaga kafo

La 21a estos la 3a Sabato. Venu.

# Pli pri la Mediala Voĉo.



Ni vidis, ke la Mediala Voĉo indikas la manieron en kiu ni rigardas al pentraĵa aŭ skribita okazo. La direkto de nia rigardado estas sama kiel en la Pasiva Voĉo, sed ni ne montras la originan aganton, nur ke la ago okazas KVAZAŬ ekzistus origina aganto kiun ni ne volas aŭ povas indiki. Ni ne interesiĝas pri ĝi, kaj ĝi do povas esti io aŭ iu ajn aŭ eĉ la suferanto mem de la ago, aŭ eĉ nenio.

La eŭropaj lingvoj havas la Medialan Voĉon sed la eŭropaj parolantoj ne konscias pri tio, ĉar iliaj verboj ne havas specialan formon por tiu Voĉo. La franca lingvo ekzemple uzas, kaj neofte, refleksivan esprimon sen refleksiva signifo, ekzemple “s’endormir”, aŭ uzas transitivan verbon en netransitiva senco, ekz. “Le concert finit à dix heures”. Same faras la angla, kaj la germana kun ofta afikso por la transitiva verbo, aŭ per neŭtralsubjekta Pasiva Voĉo, ekz. “Es wurde die ganze Nacht getanzt”. La angla lingvo plej bone esprimas ĝin, per helpverbo “to get”, kiel en “We are all getting soaked”, kion la anglaj lingvistoj malĝuste nomas “ŝanĝiĝi el unu stato al alia”. Pro tiu malĝusta kompreno kaj pro la nekompreno en aliaj eŭropaj lingvoj, la Esperantologoj, komencante per Zamenhof, ne havas bonan ideon pri la Medialo, kaj simple nomas ĝin “ŝanĝiĝo per “-iĝi””. Tamen ili alproksimiĝas al la ĝusta fenomeno deklarante ke per “-iĝi” oni faras netransitivan verbon el transitiva verbo, sen nomi ĝin la Mediala Voĉo. Ili ne povas nomi ĝin la Mediala Voĉo, ĉar ili riĉe plivastigis la signifon de “-iĝi” donante al ĝi la ekstran signifon “ŝanĝiĝi el unu stato al alia”. Do ke “maljuniĝi” kaj “membriĝi” kaj “baldaŭiĝi” kaj “enlitiĝi” estas ŝanĝo el unu stato al alia, kio ja ne estas la Mediala Voĉo, kiu formatas nur per pasivsenca observo de aktiva ago.

Tiu sencoŝanĝa interpreto de la fenomeno sendube plifaciligas la komprenon ate de la ordinaraj lernantoj kaj uzantoj de Esperanto, sed certe ne kontentigos la sciencajn lingvistojn. Ĉilastaj povas klarigi la aferon asertante, ke “-iĝi” estas la sufikso por la Mediala Voĉo kaj ke tial ĝi povas uzati nur kun transitivaj verboj, sed ke pro la Regulo pri Neceso kaj Sufiĉo oni povas forlasi la transitivigan sufikson “-igi” kiel superfluan, ĉar “-iĝi” ja normale kaj aŭtomate nur uzatas kun transitiva verbo, kaj ke oni do simple ne bezonas vorte esprimi la transitivecon. Ekzemple ke “nigriĝi” venas el “nigrigi” pere de “nigrigiĝi” kaj ke “membriĝi” venas el “membrigi” pere de “membrigiĝi”. Ja por kontentigi la ideon, ke Esperanto estas gramatike perfekta. Mediala Voĉo ja estas “-iĝi” kaj “-iĝi” estas Mediala Voĉo. Same kiel ni traktas la Aktivan Voĉon, la Pasivan Voĉon, kaj la Faktitivan Voĉon.

*Pri la Mediala Voĉo vidu AE303*

*Marcel Leereveld.*

Eble la Aŭstraliaj Kluboj devos enoficigi propagandistojn por siaj kluboj cele al koniĝi siajn klubojn ĉirkaŭ la mondo per la novaĵletero, ‘Aŭstraliaj Esperantistoj’



# Postkongresa sonĝo.





Kuŝante sur la lito ĉe junulgastejo proksima al la stacidomo, mi duondorme aŭdis murmuron de voĉo malsupra. La nokto varmis. Mi kuŝis en la supra lito apud malferma fensestro kaj malsupre staris, sur balkono, viro parolanta al sia ĉiame ĉeestanta amiko- sia poŝtelefono. Fone brugrumblis klimatazilo. Lia voĉo basa neklare aŭdiĝis. De tempo al tempo miaj oreloj kaptis Esperantan vorton. Do bone! Mi devus iri por sciigi lin, ke E-kongreso ankoraŭ okazas ĉe la universitato. Racia parto de mia duonveka menso diris al mi, 'Redormu Terry. Tio estas misaŭdo.' Mi redormis.

Je la 4a matene mi iris al la akceptejo por redoni la ŝlosilon kaj foriri al frua trajno. Viro kun usona akĉento parolis mallaŭte al la deĵoranto. Mi iris al apuda necesejo. Tra la pordo la du voĉoj zume drivis. Suprize! Ankaŭ ili parolis Esperanton. Mia cerbo kaptis Esperantajn vortojn, jen tie ĉi, jen tie, el la konversacio sed neniam tutan logikan frazon. Ĉu mia aŭdkapablo misfunkciis? Ĉu ĉiu en la mondo komencis paroli Esperanton? Ĉu mia menso trompas min?

Post semajno de enmergo en Esperanton mia menso provis deĉifri ĉiun elparolon kiel Esperanto. K'o sonoj iĝis Kaj. L'o sonoj iĝis 'La' ks. Kiam mi alproksimiĝis al ‘fremduloj' mia lango komencis formi Esperantajn vortojn kaj mi devis bremsi ĝin kaj elpensi anglajn vortojn. Ĉu post tagoj mi nun vekiĝas el sonĝo Esperanta? Aŭ ĉu nur, ke la kutimaj cerbaj irejoj rekomencas ekfunkcii? *Terry Manley*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# „JoMo“ muzikis/os en NSK

## Do, JoMo en Sidnejo nun.

Merkredon la 18-an de Januaro je la 6a ptm ni havos renkontiĝon kun li ĉe Esperanto Domo. Rainer Kurz intervjuos lin kaj poste JoMo kantos por ni.

Vendredon la 20-an vespere, ĉe la domo de Alan kaj Ĝo Turvey okazos kunveno de Centra Marbordo E-klubo kiun JoMo ankaŭ partoprenos. Bv., telefoni Alan (0403 929 413) aŭ Ĝo (0413 087 340) por pli da informoj.

Sabaton la 21-an je la 12ptm, mi invitas vin al Redfern Komunuma Centro por koncerto de JoMo. La koncerto estos por ĝenerala publiko. Do, bv. diskonigu ĝin inter viaj familianoj kaj amikoj. Detalojn vi povos trovi ĉi tie: https://www.eventbrite.com.au/e/guinness-record-singer-jomos-concert-tickets-30876683993

aŭ tie ĉi: https://www.facebook.com/events/1836466743309613/

Amike,
Dmitry Lushnikov
16/01/17







★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**REA KLARIGO**: Kara Terry! Ci ree mis- aŭ nekomprenis mian klarigon pri la idiotaĵo "falfolia" **Unue** temis pri la vorto "falfolia", ne "falfoliara".



**Due** ankaŭ "falfoliara" estas same sensenca. En cia "Falfoliara arbo priskribas tian arbon, kiu perdas siajn foliojn en Aŭtuno", kiu parto de "falfoliara" indikas ke la folioj falas en la aŭtuno?. Falfoliara arbo perdas ĉiujn siajn foliojn, en aŭtuno aŭ en la somero aŭ dum la tuta jaro. Se ci volas diri ke ili falas nur en la aŭtuno, ci devas mencii tion en la vorto. Do "aŭtunfalfoliara" arbo, tre malpraktika kaj nenecesa vorto. Mia "sezonfolia arbo" aŭ "somerfolia arbo" jam diras, ke la folioj ne estas sur la arbo dum la tuta jaro, kaj mia "jarfolia arbo" diras ke la folioj aŭ parto de la foliaro falas dum la tuta jaro. Cetere ci kontraŭdiras cin mem en n.ro 303 dirante "mi trovas akcepton de du novaj vortoj nefacila", dum ci diras ankaŭ "Certe mi ne deziras ke Esperanto degeneras al la Disabled toilet-nivelo". *Amike, Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Rilate la somerkursaro en Brisbano



La somerkursaro en Brisbano ĵus finiĝis. Mi pensas ke plejparto de la homoj ĝuis la eventon: la kvanto de ĉeestantoj ebligis facile renkonti ĉiujn el ili, la eroj de la programo estis tre diversaj kaj multaj homoj faris prezentaĵojn pri multe da diversaj temoj, la energio kaj bonhumoro de JoMo invitis al ĝojo. La etoso estis internacia danke al la ĉeesto de Erlangga el



Indonezio kaj kvar francinoj, Martine, Thérèse, Michèle kaj Michelle.
La loko mem estis tre agrabla kaj la deĵorantoj tre aflablaj.
Kun plezuro mi instruis al la progresantoj, grupo de deko da homoj de ĉiu aĝo, kiu estis tre aktiva.
Mi esperas ke tiuj , kiuj ĉeestis tian eventon unuan fojon revenos kaj daŭrigos la lernadon dum la jaro.
*Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3zzz** En la elsendo de la 16a de Januaro 2017 la aŭskultantoj povas pli bone konatiĝi kun nia juna teamano, Matt, kiu parolas pri kio estas por li agrabla tempo, pri sia greka deveno kaj la tenisa turniro en Melburno.



Kiel kutime eblas aŭskulti aŭ je www.3zzz.com.au aŭ je www.esperanto.com.au
Agrablan auskultadon, la kunvokanto, *Franciska Toubale*